Numero 6
(2008: 2)

# ESPERANTO EN AFRIKO



Bulteno de la
Afrika Komisiono de UEA

*Karaj gelegantoj,*

*Antaŭ ses monatoj aperis la kvina numero de nia gazeto. Apero de la sesa iom malfruis pro eventoj, kiuj forrabis tempon kaj energion. La tute unua ILEI-konferenco en Benino estas unu el tiuj eventoj. Ĝi finfine okazis. Eĥoj kaj impresoj de partoprenintoj ne nur en la ILEI-konferenco, sed ankaŭ en UK, estas legeblaj en la nuna numero. Okazon la redaktantaro deziras kapti por memorigi, ke tiu ĉi gazeto estas tute nia kaj fidinda kanalo por informado pri okazintaĵoj rilate al afrika movado. Ni daŭre kalkulas je viaj apogoj ĉiuspecaj por aperigi ĝin.*

*La redaktantaro*

***

## AFRIKO ĈE UK 2008

### UNIVERSALA KONGRESO EN ROTERDAMO: AFRIKO PREZENTIS SIN PLURMANIERE



La tabloj de la Movada Foiro kaj de la tutsemajna Afrika Budo montris, krom kursolibrojn en la lingala, la suahila kaj la runda, ankaŭ bazajn kursojn en la franca kaj la angla, kaj la kurson *Gerda malaperis* en adapto por afrikaj kursanoj. Vizitantoj povis vidi ankaŭ originalan Esperanto-literaturon afrikan: de Kouablan kaj de Codjo, kaj la libron de Heidi Goes kiu skizas la historion de Esperanto en Afriko. Ne mankis informaj flugfolioj pri la Afrika Oficejo, la afrika agado, projektoj per-Esperantaj en Tanzanio kaj Benino; kaj provekzempleroj de nia bulteno *Esperanto en Afriko*. En la Afrika Budo deĵoris afrikanoj kaj eksterafrikanoj. Apartan dankon al la plej diligentaj: la beninano Pierre Houenavo (en la foto, kun Agnes Geelen el Belgio dekstre) kaj la italo Nino Vessella. Dum la Interkona Vespero, apartan tablon okupis ANEB, la runda landa asocio, ĵus aliĝinta al UEA. Gratulojn al ĝi!

Jaŭdon, sub gvido de Hori Jasuo, estrarano pri landa agado, okazis la Afrika Kunsido: kongresanoj el Angolo, Benino, Malagasujo kaj Togolando informis pri la agado de siaj respektivaj landaj asocioj. Laŭtlegata estis salutmesaĝo de BOJE, la benina junulara sekcio. La reprezentanto de esperantistoj-mondcivitanoj povis paroli pri granda membrokresko de la mondcivitanoj inter afrikaj esperantistoj.

Entute venis al Roterdamo sep afrikanoj; inter ili tri komitatanoj. Aliĝintoj estis dudek unu sed kelkaj lastmomente rezignis pro personaj kialoj, aliaj bedaŭrinde ne sukcesis akiri vizon. Feliĉe, por du el la lastaj, UEA povis aranĝi partoprenon al la ILEI-konferenco en Portonovo, Benino. Ĉu ne estis bela "postkongreso" la ILEI-konferenco en Portonovo, tiu ĉi unua tutmonda kunveno en Afriko?

*Agnes Geelen kaj Renato Corsetti, kunordigantoj de la agadoj por la Afrika Budo*

## MESAĜO DE BENINA JUNULARA SEKCIO AL UK-GEKONGRESANOJ

Nome de la estraro de la junulara sekcio de la movado en Benino, ni deziras al vi ĉiuj belan kongreson en bela internacia etoso. La junulara sekcio en nia lando estas tute nova organizaĵo kaj deziras kalkuli je via bonvolo kaj subteno por progresigi la movadon en nia lando. Ĝia estraro konsistas ĉefe el iamaj gelernantoj de la bazgrada Esperanto-lernejo Jules Verstraeten de Codji. Ni estas pruvo, ke oni povas lerni Esperanton en tute normala lernejo sen malhelpi realiĝon de la oficiala lernoprogramo. Ni deziras kapti la okazon por danki ĉiujn esperantistojn tutmonde, ĉefe el Germanio kaj Belgio, kiuj kontribuis al konstruado de nia lernejo.

*André Gokan (Ĝenerala sekretario de BOJE) kaj*
*Sonadé Kakpo (respondeculo pri informado de BOJE)*

***

# AFRIKO ILEI-UMAS

## IMPRESOJ PRI ILEI-KONFERENCO EN BENINO

**• de Burundio**

Survoje al la konferenco mi ege pensis pri kio okazos kaj provis diveni tion. En mia kapo ĉiam venis la ideo ke afrikaj esperantistoj montros sian sperton al alimondanoj, ĉar tiu ĉi konferenco estas la unua grava internacia aranĝo okazinta en Afriko. Por ni, burundiaj esperantistoj, kiuj partoprenis por la unua fojo en ILEI-konferenco ( kaj la unua internacia aranĝo), la konferenco en Benino estis travivaĵo kiu vekis neforgeseblan impreson. Latifou (la prezidento de la benina asocio) venis en la hotelon kaj ni kuniris al Portonovo (je ĉirkaŭ 30km de Kotonu), la urbo, kiu gastigis la konferencon. Tie, ni renkontis la prezidanton de LKK, Charles Alofa, kiu afable bonvenigis nin.Tiu unua kontakto kun la aranĝantoj donis al ni tre bonan impreson pri la beninaj esperantistoj. Ili estis vere helpemaj, afablaj kaj kamaradecaj. Lundon, Alofa veturigis nin al Kotonu por aranĝi nian vizon, ĉar ne eblis akiri ĝin ĉe la flughaveno (kiel ni antaŭe pripensis), pro la fakto ke sabate la oficejo

pri migrado estas fermita. La kamarado estis apud ni kaj ege helpis. En la unua tago de la konferenco (mardo), ni ricevis niajn konferencdokumentojn kaj matenmanĝis); poste mi helpis pri kelkaj aranĝoj. Mi soife atendis la venontan tagon por la inaŭguro oficiala de la konferenco. Mi profitis ĉi tiun liberan tempon por paroli kun diversaj esperantistoj el Eŭropo, kaj ege interesis al mi la kunparolo kun Mirejo Grosjean kaj Jean-Pierre Boulet. De ili mi lernis multon pri la movado en la mondo kaj en Afriko. Merkredon, okazis solena inaŭguro (kun la Esperanta himno, kiu estis por mi ege grava ĉar mi jam kantis ĝin nur en marto kun Klarita), kiu estis ege impona kun ĉeesto de reprezentanto de la urbestro. La gasto parolis loklingve, kaj lokaj esperantistoj tradukis al ni. Ni vere komforte loĝis, bonguste manĝis kaj sukcese konferencis en la Songhai-centro. La programo de la konferenco estis tre riĉa. Ege impresis al mi la instru-ludojn de Ana, la deklaracio pri homaj rajtoj de René, verkado de liro, prelego de Hori Yasuo, japana muziko de Majuko, lingva festivalo de Vladka, kaj aliaj programeroj de la konferenco.



*Fino de ludsesio dum la konferenco.*

Alia grava punkto, kiun mi neniam forgesos, estas la okazigo de la internacia ekzameno, en kiu oni kandidatiĝis en meza nivelo; feliĉe mi trapasis la ekzamenon kaj eĉ sukcesis. Mi ne antaŭe pripensis la ekzamenon, sed en mia unua kunparolo kun Mirejo, mi ege interesiĝis kaj eĉ informis al ŝi ke mi partoprenos la ekzamenon. Mi partoprenis en unu interesa ekskurso; mi ne povis partopreni en ĉiuj, pro la fakto ke ekskursoj okazadis samtempe kun la ekzameno. Ni piediris la urbon, vizitis la muzeon kaj la ĝardenon, kaj ĉiam la deĵorantoj afable ricevis nin. Mi amikiĝis kun la laboranto de la muzeo, kaj li promesis lerni Esperanton. Mi jam ricevis lian mesaĝon kaj baldaŭ sendos al li kurson rete. Aliflanke, mi volas laŭdi la etoson dum ĉi tiu ekskurso, kiu estis tre amikeca, Esperanta kaj bona por mi, kiu neniam aŭdis pri beninaj maskoj kaj pri la misteraj arboj de Benino. Bedaŭrinde ne estis rubando aŭ afiŝo, kiu devis identigi nin al neesperantistoj; laŭ mi tiu ilo ege gravas ĉar ĝi plifaciligas la infomadon. La bankedo estis ege bona kun loka danco. Dum la bankedo okazis disdono de donacoj al ne sukcesintoj de la ekzamenoj en ambaŭ niveloj, kaj de atestiloj kun donacoj al sukcesintoj. Ni revenis al Burundio spirite riĉigitaj kaj kun multaj kontaktoj kun novaj interesaj kamaradoj el diversaj landoj de nia planedo. Mi jam komencis la korespondadon kun pluraj el ili. Se mi rajtas fari iujn konkludojn pri la organizado de onferenco, havante nur unu konferencan sperton, do mia konkludo estas ke la konferenco estis organizita rimarkinde, ĉar en Afriko ni ankoraŭ ne organizis tian aranĝon. La loko por la kongreso estis elektita tre bone – facile atingebla kaj trovebla, bonaj ebloj reklami Esperanton al la loĝantoj aŭ feriantoj. Aplaŭdindas la organiza laboro de LKK. Bedaŭrinde ne estis sufiĉaj informoj (afiŝoj pri la konferenco) en kaj ekster la centro (nur unu afiŝon mi vidis en la manĝejo), kaj ne okazis kunsido de afrikaj esperantistoj el diversaj landoj por priparoli strategiojn por antaŭenigi la movadon. Ni esperu ke estos alie en venontaj aranĝoj afrikaj.

Resume: kongreso bunta, bela, varia, interesa, glata, internacia! Grandegan dankon al ĉiuj organizantoj pro ilia sukcesa laboro, kaj al UEA/ILEI, kiuj subvenciis partoprenon de afrikanoj.

*Jérémie Sabiyumva*

**• de iamaj gelernantoj de lernejo Jules Verstraeten en Benino**

La 41-a konferenco de ILEI – kiu okazis la unuan fojon en Afriko, precize en la Songhai-centro de Portonovo – estis granda evento por ĉiuj afrikanoj. Ni neniam travivis ion tian en nia Esperanto-vivo. De tiu konferenco ni lernis pri multo. Dum ĉi tiu konferenco, la interkonatiĝo okazis: oni interŝanĝis siajn sciojn kun aliuloj. Ni havis multajn gvidantojn, kiuj bone prizorgis la konferencan movadon kaj ĝia evoluo. Oni manĝis diversajn manĝaĵojn, trinkis diversajn trinkaĵojn. En la konferencejo ni ludis muzikon, kaj estis ankaŭ dancado por kontentigi ĉiujn gepartoprenantojn. Denove, aliaj diversaj ludoj okazis por amuzi ĉiujn ĉeestantojn. Niaj dormejoj aŭ dormĉambroj estis tre puraj. Ni havis ankaŭ okazon por amikiĝi kun aliaj, kun kiuj ni povis interkomuniki por ekscii novaĵojn.

Vere, la ĝojego daŭris dum tuta nia restado. Ni aŭdis multajn novaĵojn de eksterlandanoj, kaj reciproke ni ankaŭ sciigis ilin pri la niaj. Alia gravaĵo estis la Internacia Ekzemeno de ILEI kaj UEA, kiun partoprenis tiuj kiuj volis. Estis du diversaj ekzamenkategorioj: elementa nivelo kaj meza nivelo. Je la fino de tiu ekzameno, ni havas tri sukcesintojn por la elementa nivelo kaj ankaŭ tri sukcesintoj por la meza nivelo. Ĉiuj sukcesintoj ricevis atestilon, kaj por kuraĝigi tiujn kiujn ne sukcesis, la respondeculoj pri la ekzameno disdonis al la nesukcesintoj kelkajn premiojn. En la fino de la konferenco, ni gekonferencanoj plantis oranĝplanton kiun ni nomis ILEI-konferencarbo; ĝia signifo estas ke kiam tiu arbo kreskas, la movado de Esperanto en Afriko ankaŭ kreskas aŭ evoluas.

Vere estis bela travivaĵo por ĉiuj ĉeestantoj.

*André Gokan, Emile Agbassou, Vihou Iréné Kakpo, kaj Bernard Gnancadja*

**• de Kotdivuaro**

Ĉu necesas denove danki al ILEI/UEA? Jes, koro mia tion deziregas, ĉar tiuj instancoj verege montris al ni afrikaj esperantistoj ke ili nin ne nur vorte amas sed ankaŭ psike, kore, samideane kaj sincerplene nin amas, pro tio ili senhezite okazigis la unuan ILEI-konferencon en Afriko. Pri la konferenco, jam ĝi eniras en la afrikan Esperantan historion. Ĝi estis agrabla travivaĵo ne nur por afrikanoj sed ankaŭ por la eŭropaj samideanoj, ĉar ili alvenis al ni kaj vidis kaj konstatis ke ankaŭ en Afriko ekzistas talentaj esperantistoj. La konferenco okazis kun verda etoso esperantista, ĉar preterpasante aliulon oni devis ĉiam lanĉi tian amikan vorton: *Saluton!*

La programoj estis tre interesaj, kaj tre aparte mi ŝatus danki al s-ro Jean-Pierre Boulet pro la provitaminaj projektoj de Unesko: vere estis la unua fojo por mi verki rakonton (libroforme) dum tre mallonga tempo. Kara Boulet, vi vere permesis al mi taksi kaj aprezi talenton mian. Mi sincere dankas al Andre Gokan kaj Aimé pro la desegnaĵoj en la Unesko-libreto). Alie rimarkinda kaj mirinda estis Aida, ĉar foje ŝi amike rolis kiel policaninon. Karulino mia, vi meritas niajn dankegojn pro viaj spertoj. Alie mi ŝatus senfine danki al s-ro Yosuo el Japanio, Ana el Britio, Mirejo el Svislando, Vladka ktp, ĉar vi ĉiuj lernigis al ni neforgeseblaĵojn. Al niaj beninaj samideanoj kaj al la LKK-anoj mi tre samideane kaj amike vin dankas pro via gastemo.

*Antoine Kouablan*

***

# LANDAJ AGADOJ

## BURUNDIO

**Esperanto inundas la ĉefurbon de Burundio**

Post la starigo en la jaro 2002 de la unua Esperanto-klubo ĉe Laga liceo, nun Esperanto populariĝas en diversaj privataj kaj publikaj lernejoj en la ĉefurbo, Buĵumbura. Ĉirkaŭ dek kvin kluboj funkcias normale. Inter ili estas:

**Klubo de Lycée du Lac Tanganyika** (Tanganjika), kie antaŭe instruis s-ro Jérémie Sabiyumva de la jaro 2002 ĝis 2005, kiam li estas lernanto en tiu liceo. Kelkaj el liaj gelernantoj helpis lin disvastigi la lingvon, starigante klubojn en aliaj ĉefurbaj lernejoj. Nuntempe, Esperanton instruas s-ro Emmanuel Nigarura, unu el siaj lernintoj, kiu restas tre aktiva en la liceo. Li ankoraŭ estas juna, kaj ni esperas ke li daŭrigos sian lernadon por koni pli multe pri Esperanto.

**Klubo de Lycée Gisenyi** (Gisenji), kiu estas starigita de Thierry Ndizeye kaj Gilbert Ndihokubwayo. Nun la klubo havas 54 membrojn kaj aliaj homoj jam starigis aliajn klubojn en ĉirkaŭaj regionoj. Gilbert, kiu zorgis pri la instruado, nun ne plu studas ĉe la liceo; lian taskon transprenis Omar kaj Gustave, kiuj kunlaboras kaj progresigas la lingvon. Miavide, ĉi tiu liceo estas elstare grava, kaj pro la agado de siaj membroj kaj pro la sindono de la zorgantoj.

**Klubo de la Pedagogia Liceo** de Ngagara estas starigita de Pierre Claver, kaj nun ĝin gvidas Mlossi Saidi. Claver sindonadis por tiu ĉi klubo, kaj nun li donis la taskon al Mlossi pro studadaj kialoj. La klubo havas 51 membrojn el diversaj klasoj (niveloj) de la lernejo. Mi kredas ke dum tiu ĉi jaro Mlossi prizorgos alian klubon, ĉar kelkaj klubanoj povas provizore transpreni taskojn rilate al instruado kaj al la agado de la klubo.

**Klubo de Lycée Scheppers** de Nyakabiga estas starigita de Noël Niyoncuti kiam li eniris tiun ĉi liceon en la jaro 2005 (veninte el Rumonge, kie li lernis Esperanton). Helpe de kelkaj ĉefurbaj esperantistoj li sukcesis starigi ĉi klubon, kiu nun havas 62 membrojn kaj funkcias normale.

**Klubo Lycée de l'Avenir** estas starigita de la tre aktiva esperantisto Hassumani Sadi en 2005. Li paralele gvidis ĝin kun iu klubo en sia kvartalo, kiu funkcias nokte. Li ege kontribuis por Esperanto en la ĉefurbo kaj en la najbara lando Kongo. Bedaŭrinde li ne plu estas en Burundio, pro vivkondiĉoj. Li nun loĝas en Suda Afriko kaj esperas daŭre kunlabori kun la tieaj esperantistoj por progresigi nian lingvon.

**Klubo de E.T.S Kamenge**. En tiu ĉi liceo zorgas pri instruado s-ro Jérémie Sabiyumva. Li starigis la klubon en la pasinta jaro, kaj nun ĉirkaŭ 98 gelernantoj partoprenas ĝin. Estas malfacile gvidi klubon kun tia nombro, sed li devas kontentigi ĉiujn. La liceo havas ĉirkaŭ 3000 gelernantojn. Gelernantoj bezonas gekorespondantojn en aliaj landoj kaj ankaŭ ĝemeliĝon kun alia klubo lerneja.

Alia grava klubo estas **Municipala Liceo de Buyenzi** (la plej populara kvartalo de Buĵumbura). Ĝi ankoraŭ estas juna, sed jam tre aktiva klubo. Ĝi bezonas ĉian helpon. Krom en Ngagara lernejo, en aliaj lernejoj ni havas oficialan rekonon de la lernejestro. Esperanto ankaŭ en Cibitoke (Ĉibitoke, orienta provinco de Burundio) jam atingis la orientan parton de Burundio. Nun du aktivaj kluboj estas en tiu ĉi parto, kaj ĉirkaŭ dudek personoj jam petis aliĝon al nia asocio. La kluboj estas starigitaj de la aktiva esperantisto Eric Nsabiyumva, kiu lernis Esperanton de Jérémie poste semis la verdan

semon en sia regiono kun rezulto nun kontentiga. La klubon aktuale prizorgos s-ro Jackson, ĉar Eric ne restas longtempe en tiu ĉi parto pro studadaj kialoj, sed jam starigis aktivan klubon (kun 87 membroj) ĉe la nacia universitato, kie li studas.

Pro aktiva agado fare de esperantistoj en Burundio, la administracio loka en Rumonge (okcidenta Burundio) pretas kunlabori por progresigi Esperanton. La loka administracio tie akceptis helpi nian agadon. La urbestro kaj kelkaj el Liaj konsilantaroj jam montris al ni sian emon kunlabori. Ili akceptis disponigi por ni senpagan halon, kie ni okazigos la sportan seminarion; kaj ili ankaŭ akceptis ke ni tenu niajn librojn en la biblioteko de la komuno. Tio estas por ni grava, ĉar nun ni ne plu elspezos por lui ĉambron por nia biblioteko. S-roj la prezidanto kaj sekretario de la asocio petis parcelon por konstrui oficejon kaj lernejon por la asocio, kaj la urbestro promesis respondi post konsultiĝo kun la provincestro. Ni esperas ke la respondo estos jesa.

*Jérémie Sabiyumva*

## ANGOLO

**Rerigardo al 2007 kaj nova eko**

Post longdaŭra silento Angola Esperanto-Asocio (AngEA) rekomencis siajn aktivecojn. La 23-an de junio 2007 okazis la asembleo, dum kiu estis decidite rekomenci ĉiujn agadojn. D-ro Miguel Faria de Bastos gvidis la asembleon. Nun estis elektitaj novaj estraranoj kun mandato je du jaroj. Rilate tion, ni sendis leterojn kaj artaĵojn al la Universala Kongreso. En julio, AngEA faris sian unuan kontakton kun la popolo ĉe la paroko Miel, kie ili organizis debatojn, reklamon de poemoj de Agostinho Neto, kaj ekspozicion. Post tio okazis en la sama paroko Esperanto-kurso kun ok lernantoj, auspiciita de la prezindanto Ferdinand Kinkani. Alia kurso okazis sur la nova strato, auspiciita de ĝenerala sekretario João C.T. Nsoko. Ĉio okazis en la kvartalo Palanka. En la sama monato, AngEA sendis leteron al Unesko-komisiono celante kunlaboradon. En septembro 2007 ni vizitis Esperanto-straton en la kvartalo Raciência/sektor 5 de Kamama, kie s-ro Michel Dilundama konstruas Esperanto-domon. La 11-an de decembro 2007, la prezidanto kun kvar lernantoj vizitis la sidejon de Unesko en Luanda la 15-an de decembro 2007. En la universitato Luziada ni festis la Zamenhofan Tagon, dum kiu d-ro Faria de Bastos instruis la tutan gramatikon de Esperanto dum nur unu horo. La saman tagon okazis malferma parolado de la prezidanto. Ĵurnalistoj de la nacia radio intervujis s-rojn Kinkani kaj Dilundama pri la celoj de Esperanto ktp. La evento estis filmita, fote kaj kamerae, kaj finiĝis kun manĝoj, trinkoj, muziko, reklamo de poemoj de junulinoj kaj cetere. La estraranoj de AngEA vizitis la agrikulturan kampon, kie la esperantistoj volas konstruigi la kooperativan sidejon kun faka asocio en Dialubourg. Tio estas ĉio por la jaro 2007.

*Michel Dilundama*

## NIĜERIO

**De Kotdivuaro al Niĝerio por instrui Esperanton**

Estis la 1-an de aprilo 2008, kaj post kelkaj malfacilaĵoj ĉe la landlimo inter Benino kaj Niĝerio, precipe ĉe Seme, mi renkontis Moses, jes kiel la Biblia patro, kiu tuj ekzorgis pri mia alveno kaj

multe koleris kaj plendis pro la fakto ke ĉe la landlimo la doganoj kaj policistoj multege postulis de mi (mi pagis entute 5000 najrojn, anstataŭ 500 najroj). Ni veturis al Badagrio, kie la familio Opa estas ege konata (bonsence) ĉar la patro Opa havas grandegan farmbienon en la regiono; mi dirus ke li posedas tutan etan kvartalon en Badagrio. Mia renkontiĝo kun la tuta familio de Moses estis agrabla kaj etosoplena. Estis merkredon la 2-an de aprilo, kaj mi renkontis kelkajn junajn esperantistojn kiuj estis ege entuziasmaj; pro tio ni babilis interŝanĝante multajn vidpunktojn, ĉar ili ŝatas kaj deziregas plibonigi siajn Esperantajn konojn.

Estis ĵaŭdon la 3-an de aprilo, kaj mi matene babilis telefone kun Joeri, samideano el Nederlando (amiko de Moses), kiu jam vizitis Badagrion kaj spertis pri la tiea esperantista etoso. Estis vendredon la 4-an de aprilo, kaj je la 16-a horo okazis mia unua Ĉe-kurso en la lernejo "Buelaho"; alvenis entute 10 gelernantoj kiuj entuziasmege kaj atente sekvis la kurson. Mi uzis plurajn lernomaterialojn: mango-frukton, teleron, kuleron, forkon, dentobroson, tranĉilon, librojn, ĉapelon, trikoton, ĉemizojn ktp, ĉar kiel sciate la regulo estis pli paroligi ilin kaj cerbumigi al ili novajn vortojn. La kurso daŭris du horojn. Estis sabaton la 5-an de aprilom, kaj je la 16-a horo okazis la dua Ĉe-kurso. Mi denove uzis diversajn instruilojn, interalie la libron de Stano Marček *L'espéranto par la méthode directe*.

Do dum unu horo kaj duono ili atente sekvis la kurson, kaj ĉiam scivolemaj ili respondis al la demandoj kaj eĉ petis klarigojn de mi pri kelkaj malfacilaj gramatikaĵoj. Post la Ĉe-kurso mi faris unuhoran prelegeton pri la historio de Esperanto (ĝia naskigho, ĝia movado ĝenerale kaj Esperanto en Afriko precipe); Moses interpretis mian paroladon al ili anglalingve.

Ĉi-foje alvenis al la kurso dudek gelernantoj, kaj kun gajaj Esperanto-kantoj ni disiĝis, havante en la koroj neforgeseblajn samideanajn kaj amikajn sentojn kiujn ni ĉiuj ĵaluze gardos ĝis al sekva renkontiĝo. Mi jam revenis hejme kaj kore dankas al ĉiuj Badagriaj esperantistoj.

*Antoine Kouablan*

## BENINO

### Ayahohoué: nova benina ĉefurbo de Esperanto

Sabaton la 23-an de februaro 2008, Ayahohoué (legu Ajahohue) iĝis la ĉefurbo de Esperanto en Benino. Sine de la tiea ŝtata duagrada mezlernejo okazis la festo de la Internacia Semajno de Amikeco, kiun la landa asocio (ABeE) organizis por la unua fojo en sia historio. Situita en la komunumo de Klouékanme (legu kluekanme) en la departemento de Couffo (legu Kufo) sudokcidente de Benino, Ayahohoué estas ĉirkaŭ 60 kilometrojn for de Lokossa , la ĉefurbo de la departmento Mono kaj sidejo de la Afrika Oficejo.

La manifestacio arigis beninajn verdstelanojn diverslokajn. Plej grava estis la ĉeesto de s-ro Pierre Eteka, la fondinto de la privata mezlernejo "Le Remède" de Glazoué (Glazue). Li venigis sian filon Innocent Eteka, ano de la klubo Arigbo de tiu mezlernejo. Ĉeestis ankaŭ s-ro Méchak Ezin, prezidanto de la klubo Arigbo, kaj Benoit Zinkpè, iama dunginto ĉe la Afrika Oficejo. Aldoniĝis neesperantista publiko kiu konsistis el la invititoj, vilaĝanoj, gelernantoj el apudaj lernejoj, kaj homoj el najbaraj vilaĝetoj. Post la akcepto kaj instalado de invititoj, la anoj de klubo "Sankta Harmonio" de Ayahohoué bonvenigis ĉiujn per bonvenkanto. Sekvis la kantado de la himno de Esperanto "La Espero". La urbestro de Klouékanme kaj la direktoro de la nacia Unesko-komisiono forestis, pro apartaj kialoj. Tial s-ro Latifou Gbadamassi, prezidanto de la landa asocio , malfermis

la ceremonion per siaj vortoj de bonvenigo. Post la alparoladoj, s-ro Gbadamassi kaptis la okazon por premii siajn plej lertajn gelernantojn. Entute, estis dek sep akceptatoj, el kiuj ses knabinoj. Poste ni vizitis ekspoziciejon kie troviĝis aroj da esperantaĵoj taŭge aranĝitaj kategorie. Sur la kampo de literaturo videblis legolibroj, romanoj diversaj, poemaroj, franca-Esperantaj vortaroj kaj plenaj ilustritaj vortaroj eldonitaj de SAT-Amikaro, bildvortaroj , poŝamikoj kaj angla-Esperantaj vortaroj. Estis multego da revuoj, nome *Esperanto*, *Monato*, *Juna Amiko*, *TEJO Tutmonde*, *Litova Stelo*, *La Komencanto*, *La Sago* (SAT-Amikaro-gazeto), *Kontakto*, *Le monde de l'espéranto*, *Jarlibro de UEA* ktp. Libroj pri spritismo kaj aliaj lernolibroj ne mankis.

La jaro 2008 estas jubilea jaro por UEA. Pro tio ĉeesto de la Afrika Oficejo estis necesa. Francis Agbenou, dunginto ĉe la Afrika Oficejo, kaj Pierre Houénavo, kasisto de la landa estraro, respondecis pri tiu temo.

Por fini, mi ŝatus kore danki al Ronald Glossop, la direktoro de Infanoj Ĉirkaŭ la Mondo, kiu disponigis al mi diversajn infanlernolibrojn , poŝamikojn, kasedojn ktp kiujn mi uzis por premii miajn lernantojn kaj kaj ankaŭ la partoprenintojn en la kvizo. Koran dankon ankaŭ al Katalin Kováts pro lernmaterialoj senditaj al mi. Miaj dankvortoj ankaŭ iras al s-ino Joelle Huerel el Francio, kiu sendis min junul-kurson kun kasedo. Mi ne forgesis la Afrikan Oficejon, kiu disponigis al la landa asocio etajn esperantaĵojn, kaj la lokan radiostacion Couffo FM, kiu sendis ĵurnalistojn kiuj intervujis kelkajn gravulojn kaj gelernantojn.

*Latifou Gbadamassi*



**Ĉiujara futbalturneo ĉe lernejo Jules Verstraeten en Codji**

Por alloge disvastigi Esperanton en la vilaĝo Codji kunlabore kun aliaj vilaĝoj de la regiono Adohoun, estas organizita amika futbalturneo fare de s-ro Jean Codjo kaj de s-ro Pierre Houenavo. La evento brile sukcesis ĉar omaĝe partoprenis Sabine kaj Pit el Germanio, la financkontribuintoj al la konstruo de la lernejo Jules Verstraeten, ankaŭ AO-oficisto Kodjovi Francis Agbenou kaj la du germanaj volontulinoj ĉe la lernejo, Eva kaj Anna. Jam fruematene komenciĝis la ludo, kaj la tuta korto de la lernejo plenpleniĝis je diversaj teamoj akompanitaj de siaj subtenantoj. Oni varme kantis venk-kanton por kuraĝigi siajn teamojn. Nombre kvar teamoj partoprenis al ludo. Premioj estas disdonitaj respektive laŭmerite, laŭ la rango gajnita . Oni disdonis trofeojn, balonojn, kaj t-ĉemizojn kunportitajn de Sabine, Pit kaj Jean, ĉu el Germanio, ĉu el Kanado. Tiuj ankaŭ kunportis lernomaterialojn kaj ludilojn. Post disdono de la premioj sekvis spektaklo de tamtam-ritmo *gota*. Tiu spektaklo tre allogis la gastojn el Germanio. Vere estas gratulinda, aplaŭdinda kaj neforgesinde belega spektaklo. Eĉ Anna, la germana volontulino, prezentis spektaklon kune kun aliaj lernantoj de la lernejo; oni kantis lokan kanton kaj eĉ la germanan nacian himnon. Espereble tiu evento okazos ĉiujare por enradikigi Esperanton en la regiono de Adohoun.

*Kodjovi Francis Agbenou, oficisto de AO*